BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

# BE

ISSN 0006-9477

107-a jaro
N-ro 349
Junio 2014




## Kiel plibonigi vian prononcon

## Kvar poemoj

## Kriptogramo

## Gentekstermaj monstroj – 2

## La arto politiki

# Piedpilkado Esperanta

**Brazila Esperantisto**

Nacia kaj Internacia Kulturo

N-ro 349 – Junio 2014 • 107-a Jaro




Tutmonda Piedpilka Turniro 2014

# Enhavo



*1. Ĉiuj lingvoj estas la esprimo de kolektiva identeco kaj de specifa maniero percepti kaj priskribi la realon; tial ili devas havi la eblecon profiti la kondiĉojn necesajn por plena disvolviĝo en ĉiuj funkcioj.*

*2. Ĉiu lingvo estas realaĵo kolektive elfarita kaj ene de komunumo ĝi fariĝas ilo de koheremo, identigo, komunikado kaj krea esprimivo, disponebla por la individua uzo.*

*Art. 7 – Deklaracio de Lingvaj Rajtoj (1996)*

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (v. 15.0), de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

Komercaj markoj reproduktitaj celas nur ilustri kaj apartenas al la posedantoj.

# Enkonduko

Estimataj gelegantoj:

Kiam mi tajpas ĉi tiujn liniojn, la katastrofa rezulto de la Brazila piedpilka teamo ankoraŭ muelas la mensojn de multaj. Sed ne tro malĝoju, ĉar la celo de la ĉefartikolo *Piedpilkado Esperanta* estas atentigi pri la fakto, ke Esperanto ankaŭ bonege funkcias por priskribi sportojn. Profitante la furoron ĝuatan de la Piedpilka Tutmonda Turniro, ĉi-jare gastigatan de Brazilo, ni publikigas tekston, kiu celas samtempe amuzi kaj instrui.

Bedaŭrinde, en prekaŭ ĉiu numero ni estas devigataj informi niajn legantojn pri forpasoj de samideanoj. Ĉi tiu numero ne estas escepto: mortis Geraldo Mattos, grava poeto, lingvisto kaj eksprezidanto de la Akademio de Esperanto. Lian esperantistan karieron ni skizas kun malĝojo enkore.

Al kiu besto plej similas politikisto? Per sia artikolo *La arto politiki*, José Dias Pinto esprimas sian bedaŭron pri la sinteno de politikistoj, ĉu Brazilaj, ĉu alilandaj. Ĉia simileco al realaj personoj aŭ faktoj ne estas koincido…

En la rubriko *Sciencaj novaĵoj*, ni ĉi-numere prezentas sagace elpensitan aparaton por kvantigi fokusojn de malutilaj insektoj kaj helpi ties priluktadon.

Ni ankaŭ ne forgesis inkluzivigi prilingvan artikolon. Cícero Gabriel da Silva montras, en *Kiel plibonigi vian prononcon*, kelkajn tre ordinarajn erarojn en la Esperanta elparolo faratajn de Brazilanoj, kaj proponas plurajn ekzercojn por ilin korekti. Jam tre foras la tempo, kiam Esperanton oni uzis preskaŭ nur por skriba interkomunikado; nuntempe vojaĝoj al eksterlando daŭre plioftiĝas, kaj la uzantoj de la interreto disponas je pluraj rimedoj por parole komunikiĝi. Rezulte, klara kaj launorma elparolo ja estas ne lukso, sed neceso.

Maria Nazaré Laroca senĉese kaj fruktodone poetas, kaj ni fieras prezenti kvar novajn poemojn rikoltitajn el ŝia fekunda produktado. Eĉ pri ebriuloj en drinkejo ŝi kapablas bele verki!

La dua kaj fina parto de la fantasta rakonto *Gentekstermaj monstroj* priskribas la teruran batalon de ĉasistoj Rox Hakar kaj Gadmud'ha kontraŭ levjatano Dum'barag, la monstrego planedomanĝa. Aparte atentinda kaj pensiga estas la fina alineo!

Sed ne nur el seriozaĵoj vivas la homo. Nia kutima sekcio *Ridu, se vi povas!* prezentas al vi dek unu anekdotojn, per kiuj vi povos amuziĝi. Rakontu ilin al viaj amikoj-esperantistoj, amuzigu ilin kaj ekzercu la lingvon. (Ne hazarde, *Fundamenta Krestomatio*, verko kompilita de Zamenhof, entenas multajn anekdotojn; ankaŭ li celis lernigi per ridado.)

Kaj por fini ĉi tiun numeron de la revuo, José Saraiva Matos, nia 95-jara samideano, defias nin solvi unu plian kriptogramon, kiu ĉi-foje temas pri grava evento okazinta en Nov-Zelando.

Bonan legadon!

La ĉefredaktisto



**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
107-a jaro, Februaro 2014, N-ro 348

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Cícero Gabriel da Silva, Francisco S. Wechsler, José Dias Pinto, José Saraiva Matos kaj Maria Nazaré Laroca

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br



Forpasis la 23-an de Marto, estante 82-jara, nia prestiĝa samideano Geraldo Mattos, poeto, profesoro, lingvisto kaj membro de la Akademio de Esperanto. Li suferis cerbovaskulan akcidenton en Oktobro de la pasinta jaro. Dum pluraj monatoj li restadis en hospitalo kaj poste hejme, submetiĝante al flegado. Pro la malsano, li pene parolis, sed restis viglamensa ĝis la fino.

Geraldo lernis Esperanton dum 1947–1948, dum li frekventis seminarion. Li kutimis rakonti, ke baldaŭ poste li trapasis tri ekzamenojn en la sama tago (bazan, mezgradan kaj superan), prezentitajn de Porto Carreiro Neto, kompetentega esperantisto, akademiano kaj postulema instruisto.

Geraldo instruis ĉe la Militista Knablernejo, estis plena profesoro ĉe la Federacia Universitato de Paranao kaj ankaŭ profesoro ĉe la Pontifika Katolika Universitato de Paranao. Dum unu semestro li aktivis ĉe la Jagelona Universitato de Krakovo, Polujo.

Li estis akceptita en la Akademion de Esperanto en 1970, estis ĝia dua plej malnova membro, kaj prezidis ĝin dum 1998–2007. Geraldo ankaŭ prezidis la Esperanto-Asocion de Paranao.

Geraldo estis multfaceta: li verkis lingvesplorajn studojn pri la Portugala kaj pri Esperanto; studojn pri instruado de la Portugala kaj de Esperanto; kaj poemojn, romanojn kaj teatraĵojn origine skribitajn en Esperanto. Koncerne lian poemaron, necesas diri, ke li plene regis plej diversajn formatojn kaj enhavojn. Ankoraŭ tre juna, li verkis la teatran versdramon *Ivan la Sesa*. Liaj postaj poemoj plene konfirmis la talenton malkaŝitan per tiu verko.

Estas interese rimarkigi, ke, analizante sian propran evoluon, Geraldo asertis, ke la rolon de poeto okupis tiu de gramatikisto.

Li ankaŭ bele esperantigis el la Portugala plurajn klasikaĵojn. Krome, li aŭtoris la tekston de la himno de la Pontifika Universitato, kaj esperantigis ĝin pasintjare.

En siaj studoj pri Esperanto, Geraldo emfazis ĝian devenon kaj strukturon. Li ankaŭ krucmilitis — se tiel diri — por konvinki la esperantistaron, ĉu per libroj, ĉu per artikoloj kaj eseoj, ĉu per prelegoj, ĝuste uzi la participojn. Pri ĉi tiu punkto li emfazis la aspektan faceton de la participoj kaj ilian distingon disde verboj.

Geraldo Mattos estis aktiva, viglamensa, bonhumora kaj ŝercema homo, kaj eĉ liaj gramatikaj verkoj entenas, en pluraj lokoj, diversajn spritaĵojn.

La meso por la sepa tago post lia forpaso okazis dimanĉe, la 30-an de Marto, ĉe la Universitata Kapelo de la Pontifika Universitato, en Kuritibo, Paranao.

# La arto politiki

## José Dias Pinto



Ofte oni invitas por partopreno en plurcelaj konkursoj: por posteno, akcepto en institucion, nomdono al bestido de zoologia ĝardeno, kreo de emblemo de ia evento aŭ organizaĵo. Iam venos en ies kapon la ideo proponi konkurson por la prezento de la plej adekvate elvokiva identigaĵo — emblemo, piktogramo, karikaturo, stiligita aŭ natura bildo de besto — por la tipa politikisto.

Eble la bestoj montriĝos la plej uzeblaj por la celo. Kaj oni trovos inter ili vastan gamon de "idiosinkrazioj". El inter ili, ĉiu povos pluki la plej bonan por portreti la ideon kiun li havas pri tipa politikisto. Herbomanĝaj aŭ karnovoraj (kiel la homoj); homamikaj kaj al li fidelaj (kiel la hundoj) aŭ individue sendependaj (kiel la katoj); rabemaj (kiel rabobirdoj aŭ rabobestoj) aŭ pacience eltenemaj (kiel la bovoj); lojalaj (kiel la ĉevaloj al saĝaj prizorgantoj) aŭ inside perfidaj (kiel, onidire, sed ne juste, la serpentoj); malkaŝe sinmontrantaj kiaj ili estas aŭ homokromie memkaŝeblaj (kiel la kameleonoj).

Oni trovas inter ĉiuj homoj — ne nur la politikistoj, ne nur la brazilanoj — tiujn kondutojn, pli aŭ malpli reprezentatajn. La rezultoj varius kaj dependus multe de la sento kiun oni havas, ene de la respektiva kulturo, pri principoj kaj valoroj — kaj kiomgrade oni opinias ilin respektindaj… kaj respektataj . Se konsideri la reputacion de la nunaj politikistoj, oni povas optimisme prognozi, ke la rezultaj verkoj multnuance varios de milda ironio al akra kritiko. Kompreneblas la fakto ke, en tiaj kolektivaj juĝadoj, oni maljuste ĝeneraligos. Oni konsolu sin per la laŭproverba konstato, ke la plej estimindaj inter la celatoj estos la esceptoj konfirmaj al la "proverba regulo". Tamen la komparo al la laste menciita besto, povas ŝajni al multaj… komplimento. Necesas ja talento por adaptiĝi al ĉiaj cirkonstancoj kaj medioj, kaj "mimetisme" kredigi sin idee homogenan parton de la ĉeestantoj. Tion faras, en pli aŭ malpli alta grado ĉiuj politikistoj. Kameleonoj maskas sin per la adopto de koloroj similaj al tiuj ĉirkaŭantaj ilin kaj tiel trompas eventualajn predantojn. Politikistoj porokaze alivestas siajn ideojn kaj kredojn por igi ilin plej proksimaj al tiuj de la cirkonstancaj aŭskultantoj kaj tiel konvinki ĉiujn, ke ili estas la plej adekvataj pledantoj por iliaj interesoj.

Oni devas rekoni ke, eĉ por komuna civitano, neeblas ĉiam plene sinceri. Plena sincerulo estus stranga kaj malagrabla elkreskaĵo en la socio. Ĉiu volas senti sin simpatie akceptata de la aliaj, kaj kruda sincero povas esti malhelpa obstaklo. Bonas ke ni, la komunaj civitanoj, se religie skeptikaj, ne bezonas kredigi nin pie religiemaj kaj, laŭcirkonstance, alivesti niajn kredojn kaj ideojn. Ni ja ŝatas senti la psikan komforton de aliula simpatio, sed ne bezonas perforti nian konsciencon por atingi tion. Bedaŭrinde politikisto ne havas ŝancon elektiĝi sen devojiĝo de striktaj etikaj normoj. Kaj ne temas pri nura endemio; ĝi estas tutmonda epidemio, ĉie rolanta nepra pasporto por elektiĝo al posteno en ĉiunivelaj registaraj areoj. Kaj, se oni enkondukiĝas en politikon per tiu konduto, oni komencas per principa devojiĝo. Unu el la plej malbelaj eventuale poste venantaj — kaj ja de multaj uzata — estas la koruptado, aktiva aŭ pasiva — kiu malbonaŭgure subfosas la fundamentojn de la demokratio.

Al racie pensanta homo ŝajnas strange, ke oni nomas bokson "la nobla arto". Tiun nomon "devus" meriti POLITIKO. La parlamentanoj, almenaŭ en Brazilo, jam reciproke sin traktas, dum sesioj de siaj institucioj, per la titolo "nobla", iel banaligante ĝin, antaŭ ol kondute nobligi siajn instituciojn kaj — ĉefe — la arton POLITIKI.

Bedaŭrinde! Bedaŭrinde!

# Piedpilkado Esperanta

Francisco Stefano Wechsler



## Enkonduko

Ĝuste nun, kiam dum unu monato multaj milionoj da homoj tra la tuta mondo foroferos parton de sia tempo por spekti la ludojn de la Monda Piedpilka Pokalo, estus profite praktiki la uzadon de tiurilataj fakvortoj en Esperanto. Ke pluraj el ili ankoraŭ ne enradikiĝis en nia lingvo pruvas la fakto, ke diversaj konsultfontoj proponas malsamajn solvojn por traduki ideojn, por kiuj jam delonge ekzistas establitaj vortoj en la Angla, lingvo de la patrujo de tiu popularega sporto.

Efektive, simila fenomeno okazis — kaj daŭre okazas — en Brazilo. Mi memoras, ke, dum mia infanaĝo, oni nomis defendiston *beque* (el la Angla *back*) kaj miskonduton *fau* (el la Angla *foul*); kaj nuntempe, kvankam tiuj nomoj ankoraŭ persistas, oni pli ordinare uzas *zagueiro* (el la pra-Kastilia *çaguero*) kaj *falta*.

## Ĉu *futbalo* aŭ *piedpilko*?

Kvankam mi mem ordinare uzas *piedpilko*, mi ne malrekomendas la uzadon de *futbalo*. Striktadire, *futbalo* estas iom pli preciza fakvorto ol *piedpilko*. La unua koncernas kolektivan ludon, difinitan per internaciaj reguloj, dum la dua estas iom pli ĝenerala. Krome, la vorto *futbalo* ja estas sufiĉe internacia por aŭtomate fariĝi parto de nia vortprovizo, laŭ la 15-a regulo de la Fundamenta Gramatiko.

## La ludejo

(Por pliaj klarigoj, konsultu la Figuron 1.)

La ludejo estas herbotapiŝo, ordinare natura, kvankam la reguloj permesas ankaŭ la uzadon de artefarita herbo. La *ludkampo* propra estas ortangulo markita per kvar linioj; la du pli longaj nomiĝas *flanklinioj*. La du malpli longaj nomiĝas *gollinioj*.

La ludkampo estas dividita en du egalajn duonojn per *mezlinio*, kiu tuŝas la mezpunktojn de ambaŭ flanklinioj. Ĉe la mezo de la mezlinio estas markita la *kampocentro* (aŭ simple *centro*). Ĉirkaŭ ĝi estas markita la *centra cirklo* kun radiuso de 9,15m.




**Figuro 1:** Dimensioj

La kampo havas la jenajn dimensiojn: a) laŭlonge: minimume 90m, maksimume 120m; b) laŭlarĝe: minimume 45m, maksimume 90m. Por internaciaj ludoj, la dimensioj devas esti, respektive: 100–110 kaj 64–75m.

Ĉiu *golejo* situas ĉe la mezo de la respektiva gollinio. Ĝi konsistas el du vertikalaj *golfostoj*, egaldistancaj de la respektivaj *kampanguloj*, kaj kunigitaj supre per horizontala *goltrabo*. La distanco inter la fostoj estas 7,32m kaj la distanco de la malsupra limo de la trabo ĝis la grundo estas 2,44m.

La *golareo* estas difinita jene: marku du punktojn 5,5m for de ĉiu interna flanko de la golfostoj (en la direkto de la respektivaj flanklinioj). De tiuj punktoj marku du liniojn ortajn al la gollinio, kiuj eniru la kampon je 5,5m. Ĉi tiujn du liniojn kunigas linio paralela al la gollinio.

La *punareo* estas difinita jene: marku du liniojn ortajn al la gollinio, 16,5m for de la respektiva in-

terna flanko de ĉiu golfosto. Tiuj linioj etendiĝas en la kampon je 16,5m kaj estas kunigitaj per linio paralela al la gollinio. Ene de ĉiu punareo, faru *punmarkon* 11m for de la mezpunkto inter la du golfostoj; tiu marko distancu egale de ambaŭ fostoj. Marku ekde la centro de la punmarko kaj ekster la punareo cirklarkon kun radiuso de 9,15m.

Ene ĉiu kampangulo oni marku kvaroncirklon kun 1m-a radiuso kaj ĉe ĉiu angulo oni starigu *flagfosteton*, minimume 1,5m alta, kies supra ekstremo devas esti nepika kaj porti flagon. Oni rajtas starigi ankaŭ po unu flagfosteto ĉe la ekstremoj de la mezlinio, minimume 1 m for de la flanklinio.

## Pilko

La pilko estas sfera, el ledo aŭ alia taŭga materialo, kun ne pli ol 70cm da cirkonferenco kaj ne malpli ol 68cm. Ĝi pezu ne pli ol 450g kaj ne malpli ol 410g je la ludkomenco. Ĝi enhavu de 0,6 ĝis 1.1 atmosferojn da aerpremo je marnivelo.

## Ludistoj

Ludas du teamoj, kiuj konsistas, je la ludkomenco, el ne pli ol po 11 ludistoj nek malpli ol po 7. En oficialaj turniroj, la teamoj konsistas el po 11 ludistoj, el kiuj oni rajtas anstataŭigi maksimume po tri.

Ĉiuj ludistoj rajtas tuŝi la pilkon per iu ajn korpoparto, krom la brakoj, antaŭbrakoj kaj manoj. Krome, en ĉiu teamo ekzistas unusola ludisto, nomata *golisto*, klare distingebla per aparta *uniformo*, kiu rajtas tuŝi la pilkon per siaj manoj, brakoj aŭ antaŭbrakoj, sed sole nur ene de la punareo. Escepto al tiu ĉi regulo okazas, kiam la pilko transpasas flanklinion: tiam oni mane enĵetas ĝin (vidu la koncernan sekcion).

La baza deviga *ekipaĵo* de ĉiu ludisto konsistas en la jenaj pecoj: *ĉemizo* kun manikoj (longaj aŭ mallongaj); *pantaloneto*; *pafŝuoj*; *ŝtrumpoj*; kaj *tibiŝirmiloj*.

## Arbitraciistoj

Ĉiun renkonton gvidas *arbitraciisto*, kiu posedas plenan aŭtoritaton por efektivigi la ludregulojn (Figuro 2). Li signalas siajn ordonojn per *fajfilo* kaj *gestoj*. Helpas lin du *asistaj arbitraciistoj*; ĉiu el ili sin movas ekster la kampo kaj apud sia respektiva flanklinio, kaj signalas siajn avertojn per flago. Iliaj taskoj estas atentigi la arbitraciiston:

- ke la pilko tute eliris el la ludkampo;

**Figuro 2:** Arbitraciisto signalas per fajfilo kaj gestoj



- kiu teamo rajtas fari *angulpafon*, *golpafon* aŭ *flankan manenĵeton* (vidu la koncernajn sekciojn);
- kiam teamo estu punita pro la *eksterlimeco* de iu sia ludisto (vidu la koncernan sekcion);
- kiam oni petas *anstataŭigon* de ludisto;
- pri *miskonduto* aŭ ajna alia interokazaĵo ekster la vidkapablo de la arbitraciisto;
- ke, dum *punpafo*, la golisto moviĝis for de la gollinio antaŭ ol la pilko estis pafita, kaj ankaŭ ke la pilko transpasis la gollinion (vidu la koncernan sekcion).

## Ludperiodoj

La renkonto konsistas el du *periodoj* kun po 45 minutoj. La arbitraciisto rajtas determini *aldonan daŭron* por ĉiu periodo, celante kompensi ludhaltojn okazintajn dum tiu periodo. Ĉe internaciaj turniroj, se post la ordinaraj periodoj la teamoj egalpoentas, la teamoj devos ludi dum du *ekstraj periodoj* kun po 15 minutoj. Se, je la fino de tiu ekstra tempo, la teamoj ankoraŭ egalpoentas, la rezulton oni ordinare decidas per *serio de punpafoj*. La ludistoj ricevas *ripoz-intervalon* inter la du ordinaraj periodoj, kiu ne daŭru pli ol 15 minutojn.

## Komencpafo

La *komencpafo* (Figuro 3) estas la maniero komenci aŭ rekomenci la ludon:

- je la komenco de la rekonto;
- post kiam oni golis;
- je la komenco de la dua ludperiodo;
- kaj je la komenco de ĉiu ekstra periodo, kiam aplikeble.

Oni rajtas rekte goli per komencpafo.

Je la komenco de la renkonto aŭ de ekstra periodo, la arbitraciisto *lotumas* per *monerĵeto*, kaj la teamo venkinta la lotumon decidas, kiun golon ĝi atakos dum la unua periodo, kaj la alia teamo

komencpafas. La teamo, kiu venkis la lotumon, ekpafas je la komenco de la dua periodo. Dum la dua periodo, la teamoj interŝanĝas la golojn kaj ĉiu atakas la kontraŭan golon. Ankaŭ post kiam unu teamo golis, la alia komencpafas.

La procedo por komencpafo devas sekvi la jenajn kondiĉojn:




**Figuro 3:** Ludistoj sin preparas por komencpafo

- ĉiuj ludistoj devas situi en sia respektiva *kampoduono*;
- la anoj de la teamo kontraŭa al tiu pafonta devas situi minime 9,15m for de la pilko, ĝis ĝi ekmoviĝas (la centra cirklo taŭgas por orienti la arbitraciiston kaj ludistojn ĉi-cele);
- la pilko restu senmove sur la centra marko antaŭ la pafo;
- la arbitraciisto signalas sian pafpermeson;
- la pilko *enludiĝas*, kiam oni piedpafas ĝin kaj ĝi ekmoviĝas;
- la pafinto ne rajtas retuŝi la pilkon, ĝis ĝi estas tuŝinta alian ludiston.

## Elludiĝo de la pilko

La pilko elludiĝas, kiam ĝi tute transpasis gollinion aŭ flanklinion surgrunde aŭ enaere; aŭ kiam la arbitraciisto ial haltigis la ludadon.

La pilko restas enlude je ĉiuj aliaj momentoj, inkluzive se:

- ĝi resaltas de golfosto, goltrabo aŭ angulfosteto kaj daŭras ene de la ludkampo;
- ĝi resaltas de la arbitraciisto aŭ de asististo, kiam ili estas ene de la ludkampo.

## Golpoentoj

Oni *golpoentis* (aŭ simple *golis*), kiam la pilko tute transpasis la gollinion, inter la golfostoj kaj sub la goltrabo, se la teamo golinta ne kontraŭis la ludregulojn koncernajn.

La teamo farinta pli da goloj venkas la renkonton. Se ambaŭ teamoj faris la saman nombron da goloj, la renkonto estas *egalrezulta*.

## Eksterlima pozicio

La regulo pri *eksterlima pozicio* (aŭ *eksterlimeco*) estas la plej malfacile lernebla kaj aplikebla; ne hazarde ĝi ofte naskas polemikojn.

Ludisto estas en eksterlima pozicio, li situas pli proksime de la kontraŭa gollinio ol de la pilko kaj ol de la antaŭlasta konkuranto.




**Figuro 4:** Ludisto eksterlima (A) estas punebla antaŭ ol li tuŝis la pilkon, se, laŭ la arbitraciisto, neniu cetera samteamano enlima povas ludi per ĝi.




**Figuro 5:** Atakanto eksterlima (A) kuras al la pilko kaj samteamano enlima (B) ankaŭ kuras al la pilko kaj ludas per ĝi. La teamo de (A) ne estas punebla, ĉar (A) ne tuŝis la pilkon.

Ludisto ne estas eksterlime se:

- li situas en sia kampoduono;
- li situas samlinie kun la antaŭlasta konkuranto;
- li situas samlinie kun la lastaj du konkurantoj.

La ludisto en eksterlima pozicio estas punebla nur se, kiam la pilko tuŝas samteamanon aŭ estas pafata de ĉi tiu, la eksterlimulo — laŭ la opinio de la arbitraciisto — aktive ludas, intermetante sin, malhelpante la kontraŭulojn aŭ ricevante avantaĝon per sia pozicio (Figuroj 4 kaj 5).

Ne ekzistas punebla eksterlimeco se la ludisto ricevis la pilkon rekte el golpafo, enĵeto aŭ angulpafo.

Okaze de eksterlimeco, la arbitraciisto aljuĝas al la kontraŭa teamo nerektan liberan piedpafon, ekde la loko, kie la komenciĝis la eksterlimeco. (Oni ne rajtas goli per nerekta libera pafo.)

## Rekta libera piedpafo

Laŭ sia bontrovo, la arbitraciisto povas puni la teamon, kies ludisto, pro neatentemo, malprudento aŭ trouzo de forto:

- piedbatis aŭ provis piedbati konkuranton;
- stumbligis aŭ provis stumbligi konkuranton;
- saltis sur konkuranton;
- kuratakis konkuranton;
- batis aŭ provis bati konkuranton;
- puŝis konkuranton;
- faligis konkuranton.

Kiel punon, la arbitraciisto aljuĝas *rektan liberan piedpafon* al la konkuranta teamo. Per rekta libera pafo oni rajtas goli.

Ankaŭ per rekta libera piedpafo la arbitraciisto punas la teamon, kies ludisto:

- braktenis konkuranton;
- kraĉis sur konkuranton;
- aŭ intence mantuŝis la pilkon (krom se temas pri golisto ene de sia punareo).

## Punpafo

*Punpafo* estas aljuĝita se ludisto, ene de sia punareo, miskondutis laŭ unu el la dek antaŭe cititaj manieroj, sendepende de kie situis la pilko, kaj kondiĉe, ke la miskonduto okazis, dum ĝi estis enlude.

Por la punpafo, restas en la punareo nur la golisto kaj la pafonto; tiu ĉi piedbatas la pilkon ekde la punmarko. Ĝis la momento, kiam la pilko ekmoviĝas, la golisto devas resti ĉe sia gollinio kaj ne rajtas movi siajn piedojn. Ĉiuj ceteraj ludistoj devas resti ekster la punareo kaj ekster la duoncirklo apud ĝi, ĝis la pilko ekmoviĝas (Figuro 6).

## Nerekta libera piedpafo

Estas punebla per *nerekta libera piedpafo* la teamo, kies golisto, ene de sia punareo, miskondutis laŭ unu el la sekvaj kvar manieroj:

- li mantenis la pilkon dum pli ol ses sekundoj antaŭ ol liberigi ĝin;
- li ree mantuŝis la pilkon, post kiam li jam liberigis ĝin kaj antaŭ ol ĝi tuŝis alian ludiston;
- li mantuŝis la pilkon, post kiam samteamano intence piedĵetis ĝin al li;
- li mantuŝis la pilkon, ricevinte ĝin rekte el permana enĵeto fare de samteamano.

Nerekta libera piedpafo estos ankaŭ aljuĝita al la kontraŭa teamo, se, laŭ la opinio de la arbitraciisto, ludisto:

- ludas danĝere; aŭ
- baras la antaŭeniron de konkuranto; aŭ
- malhelpas la goliston liberigi la pilkon el siaj manoj.




**Figuro 6.** Ĵus plenumita punpafo.

## Disciplinigaj sankcioj

*Flava karto* estas uzata de la arbitraciisto por averti ludiston. *Ruĝa karto* estas uzata por *forordoni* (aŭ *elpeli*) ludiston. Ludisto, al kiu la flava karto estas montrita dufoje en la sama renkonto, aŭtomate suferas elpelon. En oficialaj turniroj, du flavaj kartoj ricevitaj de unu sama ludisto dum du apartaj renkontoj en la sama fazo de la turniro malpermesas, ke li ludu en la sekva renkonto.

## Permana enĵeto

*Permana enĵeto* (aŭ *flanka enĵeto*) estas procedo por rekomenci la ludon, kiam la pilko transpasis flanklinion, ĉu surgrunde, ĉu enaere. La enĵeton rajtas fari la teamo kontraŭa al tiu de la ludisto, kiu plej laste tuŝis la pilkon, antaŭ ol ĝi transpasis la flanklinion. Oni ne rajtas rekte goli per tia enĵeto.

Enĵetonte, la ludisto devas (Figuro 7):

- fronti la ludkampon;
- havi parton de ĉiu piedo tuŝanta la flanklinion aŭ la grundon ekster la flanklinio;
- teni ambaŭmane la pilkon;
- ĵeti la pilkon de malantaŭ kaj super sian kapon;

• ĵeti la pilkon de tie, kie ĝi forlasis la kampon.

Ĉiuj konkurantoj devas stari minume 2m for de la punkto, kie okazas la enĵeto.

La ĵetinto ne rajtas retuŝi la pilkon, ĝis alia ludisto tuŝis ĝin.



**Figuro 7:** Ludisto preparas sin por remeti la pilkon en la kampon per flanka enĵeto. Oni ne rajtas goli tiamaniere.

## Golpafo

*Golpafo* estas alia procedo por rekomenci la ludon. Ĝi estas aljuĝita al la defendanta teamo, kiam la pilko tute transpasis la gollinion surgrunde aŭ enaere, plejlaste tuŝinte ludiston de la atakanta teamo, sed *laŭregula golo* ne okazis. Golo povas rezulti rekte el golpafo, sed nur se ĉi tiu estas farita kontraŭ la konkurantan teamon.

Ludisto de la defendanta teamo piedpafas la pilkon ekde iu ajn punkto en la golareo. La konkurantoj devas resti ekster la punareo ĝis la pilko enludiĝas. La pafinto ne rajtas retuŝi la pilkon ĝis ĝi tuŝis alian ludiston.



**Figuro 8:** Per angulpafo, ludisto kutime ĵetas la pilkon supren, por ke ĝi atingu samteamanon, kiu provos kape enpafi ĝin.

## Angulpafo

Alia procedo rekomenci la ludon estas la *angulpafo*. Ĝi estas aljuĝita, kiam la pilko tute transpasis la gollinion, ĉu surgrunde au enaere, tuŝinte plej laste ludiston de la defendanta teamo, tamen laŭregula golo ne okazis. Golo povas rezulti rekte el angulpafo, sed nur se ĉi tiu estas farita kontraŭ la konkurantan teamon.

La pafonto metas la pilkon en la angularkon plej proksiman de la punkto, kie la pilko transpasis la gollinion, sed li ne rajtas movi la flagfosteton. La konkurantoj devas resti minimume 9,15m for de la angularko, ĝis la pilko ekmoviĝis (Figuro 8). La pafinto ne rajtas retuŝi la pilkon, ĝis alia ludisto tuŝis ĝin.

## Strategio

La *trejnisto* de teamo ellaboras *strategian planon*, surbaze de sia kono pri ambaŭ teamoj. Li decidas, ĉu lia teamo restos plejparte malantaŭe, kun forta *defendistaro* kaj klopodante goli per *surprizaj kontraŭatakoj* (kiuj ofte konsistas en *londistancaj pafoj* de la *defendlinio* rekte al atakisto); aŭ ĉu ĝi havos plurajn atakantojn antaŭe. Surbaze de la strategio elektita, li petos la ludistojn obei *pozician aranĝon*; ekzemple, la nuntempa Brazila teamo uzas la aranĝon 4–2–3–1, kio signifas kvar *malfrontistojn*, du *mezkampistojn* (aŭ *mezistojn*), tri *atakistojn* kaj unu *centran frontiston*. El tiuj kvar malfrontistoj, nur du propradire restas malantaŭe, dum la ceteraj du rolas kiel *flankistoj*, t.e., ili sin movas antaŭen kaj malantaŭen, atakante kaj defendante, proksime de la flanklinioj. Kompreneble, tiaj aranĝoj ne estas rigidaj, kaj ne malofte la roloj kaj pozicioj ŝanĝiĝas por surprizi la kontraŭan teamon aŭ kontraŭstari ĉi ties strategion.

Grava elemento de la strategio estas la maniero, kiel ĉiu unuopa ludisto *persekutos* siajn kontraŭulojn por malhelpi ilian ludadon. Unu strategio, tre efika sed laciga, estas la *sufoka persekutado* (aŭ simple *sufokado*), t.e., persekutado de la kontraŭuloj en ilia propra kampoduono, preferinde proksime de ilia golejo. Plenumante ĉi tiun strategion, la tuta teamo krom la golisto kutime bloke sin movas antaŭen kaj malantaŭen, klopodante lasi kiel eble plej malvastan *ludospacon* al la kontraŭa teamo kaj *ŝteli* la pilkon de ĝi. La strategio ankaŭ devas plani, ĉu la persekutado okazu *laŭzone* aŭ *laŭindividue*.

## Taktikaj rimedoj

Tre grava taktika rimedo estas *pasigi* la pilkon inter samteamanoj. Per rapidaj kaj precizaj pasigoj oni povas trompi siajn kontraŭulojn kaj penetri ilian *defendlinion*. La pasigoj ankaŭ taŭgas por konfuzi kaj lacigi kontraŭulojn. Tial estas ofte konsilinde, ke minimume du ludistoj sin poziciu tiel, ke ambaŭ povu libere ricevi la pilkon de tria ludisto (la *triangula aranĝo*).

Aparte utila estas la *transmura pasigo* (Figuro 9), kiu postulas rapidecon, lertecon kaj kunagordon de ambaŭ ludistoj ĝin praktikantaj.




**Figuro 9:** Transmura pasigo. La atakanto 1 pasigas la pilkon maldekstren al la atakanto 2. La atakanto 1 dume cîrkaŭkuras la defendanton kaj ricevas la pilkon antaŭe, tiel evitante la defendanton.

Alia rimedo por pasigi la pilkon trans kontraŭulon estas *driblado* (Figuro 10), kiu konsistas en rapidaj movoj de la korpo kaj de la pilko tien kaj reen, konfuzante lin pri la alstrebata direkto.




**Figuro 10:** Brazila ludistino Marta driblas.

Plia rimarkinda rimedo estas la *retropasigo*, per kiu atakanto, por trompi siajn persekutantojn, movas sin antaŭen, sed subite *retropafas* al samteamano, uzante plandon aŭ eĉ kalkanon. Tio ĉi postulas perfektan kunagordon inter ambaŭ ludistoj, kaj ne malofte retropasigo mistrafas.

Por piepafi, oni uzas diversajn partojn de la piedo. Por forta, *rektlinia pafo*, oni uzas la supran parton kaj la pinton. Por *kurba pafo*, oni preferas piedflankon. Kurbaj pafoj, se lerte faritaj, ofte trompas la goliston.

Fortan kaj ofte nefendeblan pafon oni atingas per *ŝvebopafo*, kiun oni plenumas sur pilkon ankoraŭ moviĝantan enaere. Eĉ pli rimarkinda estas la vario nomata *plena ŝvebopafo*, dum kiu kaj ludisto kaj pilko ŝvebas (Figuro 11).

**Figuro 11:** Plena ŝvebopafo. Forta kaj lerte direktita ŝvebopafo atingas la golejon surprize. La alta pilkrapido malfaciligas al la golisto defendi tian pafon.



Aparte spektinda, sed tre malfacile plenumebla, estas vario de la ŝvebopafo, nomata *biciklopafo* (Figuro 12), dum kiu kaj la pilko kaj la pafanto ŝvebas. La ludisto turnas sian dorson al la golejo kaj pafas la pilkon super sian kapon.

**Figuro 12:** Ludisto Diego Silva (origine el Brazilo, nun Hispana civitano) faras biciklopafon.



## Turniroj

La detaloj de piedpilkaj turniroj tre varias laŭ provinco, lando, organiza institucio ktp. Ĉi tie mi skize prezentos la ĉefajn detalojn de la *Tutmonda Piedpilka Turniro*, konata kiel *Mondpokalo*, kiu okazas ĉiun kvaran jaron. Ĉi-jare Brazilo *gastigas* la Turniron.

La Turniro konsistas el du *fazoj*. La unuan fazon partoprenas 32 landoj, ĉiu per sia *selektitaro*. Ili estas dividitaj en ok grupojn kun po kvar teamoj. En ĉiu grupo unu teamo ludas kontraŭ la tri ceteraj, do en ĉiu grupo okazas ses renkontoj. Entute okazas 48 renkontoj dum la unua fazo.

Je ĉiu venko, teamo ricevas tri poentojn; je ĉiu egalrezulto, unu poenton; kaj je ĉiu malvenko, nul poenton.

El ĉiu grupo transiras al la dua fazo la teamoj, kiuj akiris la du plej altajn poentarojn. Se, sole laŭ la poentaro, kapablas transiri pli ol du teamoj, oni decidas surbaze de la *golsaldo*, t.e., la diferenco inter *goloj faritaj kaj suferitaj*.

La dua fazo komenciĝas per ok renkontoj, kiujn partoprenas po du el la teamoj transirintaj. Egalrezulto ne eblas, do el tiu *ok-renkonta ŝtupo* restos nur ok teamoj, kiuj partoprenos la *kvar-renkontan ŝtupon*, kaj tiel plu, ĝis la fina renkonto. La fina venkinto fariĝas la *ĉampiono*.

## Spektantaro:

Spektantoj en *piedpilka stadiono* kutime manifestas aprobon aŭ stimulon al sia teamo diversmaniere: *kriante*, *kantante*, *vivuante*, *huraante*, ĉu individue, ĉu grupe. Ili ankaŭ ofte uzas *muzikinstrumentojn* kaj surportas *kostumojn*. Kiam golo okazas, la *apogantoj* de la koncerna teamo ekkrias "*golo!*" aŭ simple "*gol'*!" Ofte spektantaro feste ekstaras kaj residiĝas laŭlonge de la horizontalaj sidvicoj, ŝajnigante *ondon* (Figuro 13).

Spektantoj ankaŭ kutimas esprimi sian malaprobon aŭ malplaĉon *fajfante* aŭ *huante*. Bedaŭrinde inter la apogantojn kelkfoje envenas *vandaloj*, kiuj ĵetas objektojn sur la kampon kaj ludistojn. Ankaŭ bedaŭrindaj estas epizodoj, kiam *organizitaj apogantaroj* de konkurantaj teamoj interbatalas kaj detruas seĝojn, kradojn kaj aliajn ekipaĵojn de stadionoj, krom vundi aŭ eĉ mortigi unuj la aliajn. Dum la lastaj jaroj, piedpilkaj organizaĵoj aktive kampanjas kontraŭ nekonvenaj kondutoj de ludistoj kaj apogantoj. Aparte menciindas mondskala kampanjo kontraŭ *rasa diskriminacio* dum piedpilkaj renkontoj.

**Figuro 13:** Apogantoj de la Australia selektitaro entuziasme ondas.



# Sciencaj novaĵoj

Post kelkaj jaroj, sanprizorgaj organoj de Brazilo kaj aliaj landoj povos apliki teĥnologion kapablan identigi, pli rapide, malkare kaj precize, fokusojn de kuloj, kiuj kontaĝas malsanojn kiel dengo, malario kaj flava febro.

Grupo de sciencistoj el la Universitato de Sanpaŭlo, kunlaborante kun kolegoj el la Inĝeniera Fakultato *Bourns* de la Universitato de Kalifornio kaj el la firmao *Isca Tecnologias*, konstruis sensilon kapablan aŭtomate identigi diversajn speciojn de fluginsektoj, kiuj kontaĝas malsanojn aŭ atakas kultivatajn plantojn.

Anstataŭ ŝprucigi insekto-mortigilon sur tutan regionon, kie oni suspektas, ke ĉeestas insekto malutila al homa sano aŭ al kultivejoj, eblos uzi ĝin nur sur la areojn trovitajn per la sensilo kiel fokusojn de la insekto.

La kerno de la aparato konsistas en lasersensilo, kiu funkcias surbaze de la flugilbata frekvenco de insektoj. Fluginsektoj batas siajn flugilojn je diversaj frekvencoj, kiuj tipe varias 100 kaj 1500 hercoj.

## Kiel funkcias la sensilo

La unua parto de la sensilo konsistas en nepotenca laserfasko direktita al matrico kun lumtransistoroj. Pasante inter la fasko kaj la matrico, insektoflugiloj parte blokas la lumon. La lumvariado kaŭzata de la flugiloj estas kaptata per la lumtransistoro kiel signalo simila al tiu kaptata per ordinara mikrofono, kun la diferenco, ke la signaloj originas ne el ŝanĝoj en sonondoj, sed el lumŝanĝoj. La signaloj kaptitaj per la sensilo estas filtrataj kaj intensigataj per plako kun elektronikaj cirkvitoj. Per cifereca sonregistrilo konektita al la plako eblas registri la signalojn en sondosierojn kaj transdoni ilin al komputilo, por analizo. Ĉiu insektospecio produktas signalon subtile malsaman al la aliaj. Tio ebligas komputile kompari la signalojn el ĉiu unuopa specio kaj enklasigi ilin.

Por agordi la klasigan komputilprogramon, oni ĉerpis datenojn el insektoj bredataj en vitroplastaj kestoj. En ĉiun keston oni metis dekojn da fluginsektoj el la sama specio. Oni bredis, interalie, la kulojn *Aedes aegypti* (kontaĝanton de dengo kaj flava febro), *Anopheles gambiae* (kontaĝanton de malario) kaj *Culex quinquefasciatus* (kontaĝanton de limfa filarimalsano). Per la pasado de la insektoj tra la laserfasko, la sciencistoj produktis sondosierojn, kiujn oni analizis per klasiga algoritmo. Tiamaniere, ili sukcesis diferencigi kaj enklasigi la speciojn, trafe identigante ilin je 98–99% de la okazoj.

## Inteligenta kaptilo

La kaptilo estas cilindra kaj konsistas el tubo kun lasersensilo kuplita al ĝia enirejo kaj kolektosako kuplita al ĝia elirejo — simile al polvosuĉilo. La aparato ankaŭ havas valvon ĉe la enirejo, kiu eligas karbonduoksidon, substancon allogan al inoj de multaj kulspecioj. Flugante antaŭ la enirejo de la kaptilo, insekto estas ensuĉita per ventolileto simila al tiu de komputilo, kaj puŝita en kameron, kie situas la sensilo. Se la komputilprogramo identigas ĝin kiel nemalutilan specion, elirpordo malfermiĝas, kaj la insekto estas elpuŝita per inversigo de la aerfluo. Se ĝi apartenas al malutila specio, ĝi estas puŝita en la kolektosakon, kiu retenas ĝin per glupapero por posta kvantigo. (Fonto: Fapesp.)






# Kiel plibonigi vian prononcon

Cícero Gabriel da Silva

Kelkaj brazilaj esperantistoj kun malmulta sperto internacia eble malŝatas fojfojajn akĉentojn tro fortajn de eksterlandanoj. Banala ekzemplo estus la tro gorĝa r de kelkaj lokoj en Eŭropo: mi deziĥas (mi deziras), ni iĥas (ni iras) ktp.

Malgraŭ tio, ke toleremo ĉefrolas inter ni, la diligenta esperantisto bezonas pli rigoran sintenon rilatan al sia propra elparolo, cele al pli bela kaj pli klara prononco.

Inter la mispaŝoj farataj de brazilaj parolantoj elstariĝas la troa nazaligo de ĉiu vokalo apud literoj m aŭ n. Brazilanoj kutimas elparoli:

mi bãnos mĩ (mi banos min); esperanto (esperanto); ŝi kãntas bele (ŝi kantas bele).

Gravas konscii pri tia karaktero. Laŭ PIV: *oni ne devas pli nazaligi la unuan silabon de "lando", ol tiun de "lano"*. Tamen, oni speciale devas eviti nazaligon en du okazoj.

Unue, kiam ĝi kaŝas la literon m aŭ n: ĉu kãpo estas kampo aŭ kanpo? ĉu kõnforto estas komforto aŭ konforto?

Por mildigi la problemon, klare elparolante la sonon m aŭ n, necesas uzi la buŝon. Kunigu la lipojn por realigi la sonon m, kaj nur poste vi iru al la alia silabo: lam…po.

Simile, por akcenti la sonon n, tuŝu la antaŭajn dentojn per la lango antaŭ ol ataki la postan silabon: lan…do.

La konscio pri la erareto kaj iom da praktikado tiucela plibonigos vian elparolon.

La dua okazo de nazaligo evitinda montriĝas kiam ĝi estas komplete nenecesa! Ni klarigu: kelkaj vortoj tiaj, kiaj: trompas, sankta, lampo, septembro, dento, vintro k.a. ĝenerale vere portas iom da malfacilo al brazilanoj.

Sed vortoj kiaj: venas, temas, pomo, mateno, amas, limo ktp tute ne enhavas malfacilon por ĝusta prononco, kaj nur malatento, kutimo aŭ maldiligento povas kaŭzi fuŝan elparolon en tiuj okazoj.

Sufiĉas iom praktiki. Eldiru laŭte la parojn de la subaj vortoj, kaj certiĝu ke la unua silabo de ambaŭ paroloj sonu sammaniere:

balo – bano; satas – same; bela – beno; teo – temo; ĉipa – ĉino; litro – limo; koto – konas; poeto – pomo; puto – puni; fuĝi – fumas.

Alia malbeliga trajto malbeligas ankaŭ la portugalan mem! Temas pri ŝovo de neekzistanta vokalo inter du konsonantojn. Ekzemple: vamos subistituir (subs-ti-tu-ir); eu não adimito (ad-mito); isso é um abissurdo (ab-sur-do).

La sama influo kreas en nia esperanta elparolo malbelaĵojn tiajn: ekiZIStas (ek-zis-tas); konTAkitas (kon-tak-tas); REgino (reg-no); proTEkitas (pro-tek-tas); kiVÃkam (kvan-kam); Ofite (ofte); kiVAR (kvar); kiVĨ (kvin); DEki (dek); SEpi (sep); SEdi (sed); ispeciAla (spe-ci-a-la).

Konscii pri tia difekto jam fariĝas duono de la laboro al progreso.

Por la ofta faligilo scii, mi havas specialan rekomendon. Trejnu eldiri la sekvajn vortojn per unusola voĉa frapo ĉe la unua silabo: CA-ro, CERbo, CIco.

Praktikinte tion, elparoli mi scias ne portos problemon. Apogu la literon s de sci sur la vokalon ĝenerale ekzistantan antaŭ la tikla vorteto: mi scias, la scio ktp. Nur post tiu elparolo (mis, las ktp) vi ataku la sekvan ci (tsi), laŭ la ekzerco antaŭa: mi scias (mis-CI-as); Paŭlo scias (PAŬlos-CI-as); li ne scias (li-nes-CI-as); la scienco (las-ci-EN-co)

Kiel ĉiam, sufiĉas atento kaj praktiko. Vi rimarkos, ke ekatenti prononcon montriĝos senrevena vojo! Ju pli vi malfermos la orelojn al klara prononco, des pli ĝene sonos malbelaj kutimoj, kiel la s kiu iĝas z: ŝi estas alta (ŝi estaZALta); mi devas iri (mi devaZIri); li volas uzi (li volaZUzi). Aŭ la S kiu iĝas sŝ: estas (EŜtaŝ), studi (ŜTUdi), vaste (VAŜte) kaj cetere.

Per atentaj oreloj kaj diligenta praktikado vi pli kaj pli klarigos vian prononcon kaj beligos vian elparolon.

# Kvar poemoj

## Maria Nazaré Laroca

### Drinkejo

La bierodor' ŝvita
serpentumas
tra drinkejo ŝima
kaj englutas
la nokton urban.

Malplenaj boteloj
sur la tabloj
prizorgas ĉagrenojn
kaj riskojn malkaŝas.

La memoro nuna
estas perdita hundo
sur iamaj vojetoj,
vaganta tra la cindroj
de l' revoj incendiitaj.

### Luno de januaro

Plenluno de januaro
sin klinas super fenestron;
kaj per la arĝentaj haroj
sur mian liton elverŝas
la safiron el ĉielo.

### Mildeco

Ene de l' okul'
la spegul' resonas
de la seka tero
de l' animo.

Kvietiĝas do
la fer' kaj la fajr'
de l' senprudenta
silento, kiu
vortojn naskas
kaj ŝtonojn pli dolĉajn
ol flugantaj papilioj.

### Eterneco

La ruzec' de l' mort' malveras,
metaforo kiu flosas
tra scenej' kaj buduar'.

Post la teatraĵo-fin',
sur la podio mortinte
ni stariĝas malrapide
por l' aplaŭdoj aŭ mokfajfoj…

Odise' iras Hadesen,
kaj alparolas mortintojn
ankaŭ parolas Hamleto
kun la fantomo de l' patro.

Demandas do la poet':
(perpleksa filozofio!)
kial oni devas morti
por ke finfine komprenu
ke ĉiuj ni vivas ĉiam?



# Gentekstermaj monstroj — Parto 2

Flávio Medeiros Jr.
Tradukis: Francisco S. Wechsler



Gardhundo III, la spacoŝipo apartenanta al Rox Hakar, estis impresa maŝino. Ĝi havis la dimensiojn de urbo kun tri milionoj da enloĝantoj, kaj konkuris laŭgrande kun militaj krozoŝipoj de kelkaj pli malvastaj imperioj de la galaksio. Ĝiaj armiloj kapablis momente pulvorigi mezgrandan lunon, kaj ĝia ŝipanaro, post kiam ĝia subŝipestro mortis en batalo kontraŭ piratoj en la orbito de Verlam VI, estis centelcente aŭtomatigita. Dum la lastaj kvin jaroj Hakar estis la sola vivulo ĉe tiu metalkoloso, kio certe ne bonefikis sur lian konatan kontraŭsocian sintenon. Al li mankis la kaĵoloj kaj admiro de homaj samuloj, sed tio estis malalta pagenda prezo por liberiĝi el iliaj malnoblaj plorplendoj, malŝatindaj sentimentalaĵoj, kaj el ilia ĉiusenca malkompetento.

Hakar parkumis la spacoŝipon, strategie, sur la malluman flankon de unu el la du lunoj de la sesa planedo, kie li povos facile observi la alvenon de Dum'barag el la profunda spaco. Lia plano, verdire, estis simpla. Li sciis, ke ajna misilo aŭ energiradio estos nepre nuligita, kiam ĝi tuŝos la densan pulvortavolon el kontraŭmaterio ĉirkaŭtegantan la korpon de la monstro, kaj ŝanĝiĝos de minaco al nutraĵo. Studinte la datenojn ricevitajn per la pluraj skanoj, kiujn li faris de malproksime, pri la korpa strukturo de la estulo, li sukcesis identigi unu "varman" punkton, kun intensa energi-aktiveco, en iu loko proksima de tio, kio ŝajne funkcias kiel "kapo", en la antaŭa ekstremo de la centra cilindro, kelkajn kilometrojn malantaŭ la giganta konusforma buŝo. Sendube tie situis la cerbo de Dum'barag, aŭ tio, kio plej similis regorganon de la centra nervsistemo. Ĝi havis la proksimuman grandon de planedeto, tre etan kompare kun la tuta korpvolumeno, kiel ordinare okazis en la dikhaŭtaj kaj stultaj estuloj, kiuj enloĝis oceanojn kaj arbarojn ĉe pluraj planedoj. Rox Hakar antaŭe pretigis kelkcentojn da altenergiaj misiloj, kiuj, koncentre pafite, povos venki la ensorbokapablon de la estulo. La ideo estis kaŭzi, minimume, grandproporcian detruon en tiu cerbo, paralizante la monstron dum sufiĉa tempo, por ke potenca puŝradio sukcesu forpeli ĝin al la sistemsuno. Por ekstra antaŭgardo, la misiloj estos tegitaj per energikampo el kontraŭpartikloj, kiu komplete ĉirkaŭvolvos ilin, ĝis ili transpasos la kontraŭmaterian ŝirmtavolon de la bestego, kaj per la impulsforto de sia moviĝo espereble penetros ĝian korpon ĝis la cerbo. Hakar kalkulis je la hipotezo, ke, pro la kunigo de la kolosa eksplodforto de la misiloj al la efiko de tiu pozitiva energio tuŝanta la kontraŭenergion en la enaĵoj de Dum'barag, rezulte almenaŭ la antaŭa triono de la spacestulo diskreviĝos. Li kontrolis la punkteton ĉe la radaro je la centa fojo, kaj reapogis sin sur la fotelon de la ŝipestro. La estulo alvenadis. La momento proksimiĝis.

Kiam Dum'barag eniris la sistemon, moviĝante je mejlomiloj por sekundo kaj konsumante aŭtomate ĉiun eron de kosma polvo en sia vojo, Gardhundo III ekflugis el la ombroj kaj akcele persekutis ĝin. La monstro survojis rekte al la bedaŭrinda planedo Benevo, kie miliardoj da terurataj homsimiluloj verŝajne tremis kaj ploris antaŭ la kontrolekranoj. Hakar ridetis konsiderante tiun eblon. Baldaŭ li respertos la eventon tiomfoje jam okazintan al li, dum lia longa vivo de bataloj kaj gloroj: tutan planedon kuŝantan ĉe liaj piedoj, kriantan lian nomon kun porĉiama dankemo!

Ŝipestro Rox Hakar funkciigis kelkajn komandojn, kaj la tuta ŝipo ektremis, skuate de la sinsekva pafado de centoj da misiloj kun altega eksplodpovo. Li observis ĉe la ĉefekrano la svarmon de lumpunktoj, antaŭenirantaj rapide al la giganta ombro, kiu moviĝadas tuj antaŭe. Pro sia vasta sperto li jam sciis, anticipe, ke la pafado trafos. Li krucis la manojn malantaŭ sia nuko kaj dorsapogis sin, atendante kun rideto surlipe.

La sekva okazaĵo igis lin salti el la fotelo, kvazaŭ li estus tridek jarojn pli juna. Li restis staranta antaŭ la ĉefekrano, nekredemo malfermegis liajn okulojn kaj malsuprentiris lian angulplenan makzelon. Kelkajn mejlocentojn antaŭ ol trafi la celon, liaj misiloj komencis eksplodi en la spaco kvazaŭ en artfajraĵa spektaklo. La sekvaj misiloj, vojaĝantaj en mallarĝa fasko celanta la cerbon de la monstro, koliziis kontraŭ la energinubon kaŭzatan de la eksplodo de la frontaj, kaj ankaŭ eksplodis. La fasko disduiĝis, devojigite de la forto el la frontaj eksplodoj, kaj ventumilece disetendiĝis pluvo el eksplodmisiloj, tirataj de gravitforto al la planedoj de la sistemo. Post kelkaj sekundoj, ĉe la komenca loko de la kolizio, nenio restis el la mortiga svarmo krom difuza brilo, kiu malrapide estingiĝis en la spaca mallumo. Tre antaŭe, Dum'barag plu moviĝadis trankvile, kvazaŭ nenio okazis. Almenaŭ komence tiel ŝajnis. Tamen post nelonge, oni ne scias, ĉu hazarde aŭ iel avertite de la eksplodoj proksimaj al sia flanko, la levjatano kurbe devojiĝis laŭ akuta angulo kaj tute enbuŝigis la restantan energinubon, kvazaŭ fiŝo, kiu ŝanĝas sian direkton por engluti panpecon ĵetitan en akvon proksiman. La nova movdirekto kondukis ĝin for de la stelsistemo, survoje al nekonata celo, kaj ŝparis la lokajn planedojn.

Rox Hakar ankoraŭ staris paralizita antaŭ la ekranego, kiam mallonga sonsignalo avertis pri voko en lia komuniksistemo. La vizaĝo de Gamud'ha plenigis la tutan ekranspacon, mokrideto petolis sur liaj ledlipoj. Hakar levis siajn pugnojn kontraŭ lin:

— Kion vi faris, naŭza lacerto?

— Nenion malfacilan, majstro Hakar. Mi nur lokis nubon el metalrestaĵoj, verdire forĵetaĵojn kaj ferrubon spacan, kiun mi kolektis dum nia mallonga restado sur la planedo, precize sur la vojo de viaj misiloj tegitaj per kontraŭpartikloj. Ion similan al fronta defendlinio, ĝentile donacitan al Dum'barag, por ke ĝi eskapu el via atako.

— Tre altan prezon vi pagos pro tiu saboto, malbeninda rampulo!

— Rigardu ĝin kiel repagon al tio, kion vi faris al la Torgo-sistemo.

— Kaj vi esperas ricevi pagon de la Beneva Konsilio post tiu trompaĉo…

— Nu, mi ja sukcesis forpeli la monstron de ĝia vojo al la planedo, ĉu ne?

Hakar ekridegis ironie. Dum la pasintaj minutoj li kontroladis, per siaj instrumentoj, la informojn elsendatajn de la restantaj pecoj de lia baterio de eksplodmisiloj, kiuj devojiĝis kaj flugadis al la planedoj. Signalo avertis pri nova aŭdvida voko. Per la kapmovo de Gamud'ha, Hakar konkludis, ke tiu ricevis similan signalon.

— Verŝajne ili vokas nun, kara Gamud'ha. Ŝajne ili observadis de malproksime nian operacion. Ni aŭskultu ilian opinion pri via aŭdaca plano…

Li funkciigis komandilon, kaj la ekranan bildon de Gamud'ha anstataŭigis la mieno furioze kuntirata de la Beneva Konsiliestro.

— Vi… Senrespondecaj friponoj! Kion vi faris?!

Hakar denove ridetis aŭdante la heziteman voĉon de Gamud'ha:

— Mi ne komprenas, sinjoro. Mi atingis, ke Dum'barag forlasu sian iradon al via planedo…

— Jes, sed je kia prezo? Via manovro dismovis parton de la eksplodiloj kun alta detrupovo, kiun tiu alia senrespondeculo ĵetis en la internan spacon de nia planedsistemo, kaj pluvo el ili falis sur plurajn dense loĝatajn urbojn de Benevo! Temas pri milionoj da mortintoj, vi friponego, kaj pri radiaktivaj nuboj tra la tuta planedo, kiuj nun kaŭzas nekalkuleblan detruadon! Via strategio estis katastrofa, idiotoj! Absorbite de persona disputo, neniu el vi eĉ momente konsideris la riskon, al kiu vi ambaŭ elmetis nian planedon, kaj kredu min, vi estos severe punataj! Ni alvokos aŭtoritatulojn el mil planedoj por persekuti vin! Ni…

Hakar malŝaltis la komunikadon kun la planedo, kaj post sekundoj Gamud'ha same agis. La du homoj rerigardis la okulojn unu de la alia, ĉifoje kun serioza mieno.

— Vi komprenas, kion tio signifas, ĉu ne, Hakar?

La alia suspiris kaj ŝultrolevis. Li sciis.

Antaŭ pluraj monatoj, kiam Dum'barag survojadis al la Torga sistemo, Gamud'ha iniciatis la atakon. Li varbis la atenton de la malsata levjatano per serio de eksplodoj en la spaco, kvazaŭ li postlasus manĝaĵlinion por allogi la kaptoton al sia kaptilo. Sur la supraĵo de du asteroidoj en la asteroidzono ĉirkaŭ la sistemo, li instalis projekciilon kaj ricevilon por superkondensita radio el altpotencaj kontraŭpartikloj. La eksplodlinio devigos Dum'barag pasi inter la du asteroidoj, kaj tiam Gamud'ha funkciigos la projekciilon; la kondensita radio funkcios kiel speco de energi-harpuno,

kiu traboros la enaĵojn de Dum'barag kvazaŭ buteron. Pro la rapido, per kiu la estulo moviĝadis, la radio duonigos ĝian korpegon, elpuŝante ĝiajn intestojn el kontraŭmaterio, aŭ kion ajn la monstro havis en sia interno, tra la tuta spaco. Je la decida momento, tamen, ensceniĝis Rox Hakar, kiu ne intencis rezigni pri la gloro mortigi la gigantan estulon, kaj per elektromagneta pulso li malŝaltis la projekciilon instalitan sur la asteroido. Dum'barag trapasis la kaptilon sendifekte kaj malaperis en la spacolimojn, nun irante novan vojon, kiu kondukos ĝin rekte al Benevo.

La problemo estis la reago de la enloĝantoj de Torgo II. La planedo situis mejlomilojn for de la vojo antaŭe sekvata de Dum'barag, ĉar la sistemo posedis dek naŭ planedojn, kaj Torgo estis nur la dua plej proksima al sia suno. La enloĝantoj observadis scivoleme la progreson de la du ĉasistoj de monstroj, kaj la maniero, laŭ kiu la agado evoluis, kaŭzis eŭforion tra la tuta planedo. Kiuj estas tiuj du stultuloj, kiuj interluktas, malhelpante unu la alian, dum la reala kaptoto eskapas el inter iliaj fingroj? La Torganoj estis popolo kun altega etiko kaj civilizo, kaj tiu sinteno meritis ilian plej fortan malŝaton. Gamud'ha laj Hakar fariĝis ŝerctemoj en iliaj komunikmedioj, kaj la Torganoj minacis diskonigi al ĉiuj enloĝataj planedoj la ridigegan kaj mokindan historion pri la du idiotaj monstro-ĉasistoj .

Sed ili ja ne konsideris, ke ŝipestro Rox Hakar estas unu el la plej eminentaj ĉasistoj de la galaksio, kaj havas protektendan reputacion. Gamud'ha estis zorgema imitanto de liaj triumfaj agoj, kaj aspiris iam okupi la prestiĝan postenon ĝuatan de la aliulo. Neniu el ili povus permesi, ke tiu aroganta popolo makulu ilian reputacion en ĉiu el la konataj planedoj.

Rox Hakar kaj Gamud'ha ekkomprenis, ke la kombinita pafpovo de iliaj spacoŝipoj kapablos fordetrui la vivosferon de la planedo Torgo II. Sekvis ses tagoj da senĉesa pafado, da altpotencaj bomboj kaj da energiradioj ĵetitaj kontraŭ la teruratajn urbojn. La longdistancaj komunikiloj kaj la orbitstacioj estis zorge detruitaj en la unua paŝo, kaj rezulte malebliĝis ajna helpopeto. Fine, superbomboj ĉenreagaj fordetruis la supraĵon, malebligante ajnan ŝancon de reveno de vivo al tiu planedo, kaj kredindigis sufiĉe efike ŝajnatakon al Dum'barag.

Nun la afero estis eĉ pli serioza. La Benevaj enloĝantoj minacis denunci la du ĉasistojn pro la tragedio suferata de ilia popolo. Novaĵoj trakuras la spacon tre rapide kaj ĉiudirekten. Necesis abortigi ilin ĉe la fonto, antaŭ ol tro malfruos.

— Ankoraŭ pasos iom da tempo ĝis Dum'barag atingos la proksiman enloĝatan sistemon, Hakar…

— Jes, mi kredas, ke ni havas sufiĉan tempon. Benevo estas iom pli eta ol Torgo II. Pri kiom da enloĝantoj temas, eble tri miliardoj?

— Eble iom pli. Nu, jen neniom kompare kun la miliardoj kaj miliardoj da estuloj en la tuta galaksio, kiuj profitos, kiam unu el ni ekstermos la malbenindan monstron nomatan Dum'barag. Mi komencos per la norda duonsfero, ĉu vi per la suda?

— Interkonsentite. Mi nepre volas persone atingi la sidejon de la Beneva Konsilio per miaj kanonoj. Ĉu sufiĉas la nombro de viaj superbomboj?

— Dankon, ili sufiĉas kaj superfluas, kara. Jen ĉi la plej bone ekipita ŝipo en la galaksio!

— Do ni vidu, kiu pli frue plenumas la taskon…

Dum la fajro de morto falis sur la planedon Benevo, la estulo nomata Dum'barag, indiferenta al ĉio, daŭrigis sian senkulpan vojaĝon tra la spaco. Kiel neracia estulo, ĝi ne kapablis kompreni la malbonon, kiun ĝi kaŭzis al la Tathoma sistemo, kiam ĝi konsumis gigantan gasplanedon kaj alvekis la atenton de inteligentaj popoloj el sennombraj planedoj. Ĝi ankaŭ sciis nenion pri planedo nomata Torgo II, aŭ eĉ pri Benevo. Ĝi plu konsumis materion por sia propra pluvivado, ne elektante ties originon, ĝis kuraĝa ĉasisto iam ĉesigos ĝian senkulpan vivon.  Ĝi neniam ekscios la veron pri la gentekstermaj monstroj de la galaksio.

# Ridu... se vi povas!



## Bebopesilo

Virino eniras apotekon tenante bebon kaj petas de la komizo permeson por uzi la bebopesilon.

— Sinjorino, bedaŭrinde nia bebopesilo estas riparata. Tamen ni povas kalkuli la peson de la bebo, pesante unue la patrinon kaj ŝian bebon kune. Sekve ni pesos la patrinon sola kaj deprenos la duan valoron de la unua!

— Ve, tio ne funkcios… — diras la virino.

— Kial ne? — demandas la komizo.

— Ĉar mi estas ne ĝia patrino, sed ĝia onklino!!!

## La 15 plej popularaj mensogoj

1. *Advokato:* Tiu proceso fluos rapide!

2. *Strata kolportisto:* Se ajno misfunkcios, revenu, por ke mi anstataŭigu ĝin.

3. *Gastiganto:* Ĉu vi jam foriras? Ankoraŭ fruas!

4. *Datrevenanto:* Donacon? Ba! pli gravas via ĉeesto.

5. *Ebriulo:* Mi plene scias, kion mi diras.

6. *Senfilaj geedzoj:* Vizitu nin denove; ni amegas viajn infanojn.

7. *Disreviĝinta virino:* Mi neniam plu ion havos kun viroj.

8. *Ŝuldanto:* Morgaŭ mi nepre pagos!

9. *Tubisto:* Venas tro alta akvopremo de la strato.

10. *Deksepjara filino:* Mi tranoktis ĉe amikino.

11. *Dekokjara filo:* Mi revenos hejmen antaŭ la 11-a.

12. *Bankdirektisto:* Ni uzas la plej malaltan interezon de la merkato.

13. *Ŝtelisto:* Ĉi tion tiu ulo donis al mi.

14. *Meĥanikisto:* La karburilo…

15. *Politikisto:* Mi sciis pri nenio!

## Kuracista klarigo

Okdekkvinjara viro submetiĝas al la tiujara kontrolekzameno. La kuracisto demandas, kia li sentas sin.

— Mi neniam pli bonfartis — respondas la maljunulo. Mia nova edzino estas dudekdujara kaj graveda je mia filo. Kion vi opinias, doktoro? Ĉu mi bonfartas aŭ ne, he?

La kuracisto momente pensas kaj diras:

— Lasu min rakonti historion: mi konas ulon, kiu estas fanatika ĉasisto kaj neniam preteratentis ĉasperiodon. Sed unu tagon, mise, li metis pluvombrelon en sian dorsosakon anstataŭ la pafilon. Kiam li estis en arbaro, subite aperis urso antaŭ li. Li eltiris la ombrelon el la dorsosako, celis la urson kaj… Pum! la urso falis tute senviva.

— Ha! Ha! Ha! Tio maleblas — ekkriis la maljunulo. — Certe alia ĉasanto mortpafis la urson, kaj li ne rimarkis tion.

La kuracisto, iom sinĝene, respondas:

— Precize!

## Muŝĉasado

Edzino eniras la kuirejon kaj trovas sian edzon okupata per muŝmortigilo.

— Kion vi faras? — ŝi demandas.

— Mi ĉasas muŝojn.

— Ĉu vi sukcesis mortigi ion?

— Jes! Tri virojn kaj du inojn.

— Sed kiel vi sukcesas distingi la sekson?

— Facile! Tri staris sur la bierbotelo kaj du sur la telefono.

## Juna kuracisto

Juna kuracisto, ĵus diplomita, preparis sian senluksan konsultejon kaj, atendante klientojn, elpensis manieron reklami sin. Kiam, finfine, aperis la unua kliento, li jam estis preta. Li mienis grandegan okupitecon, signis al la kliento, ke li atendu momente, kaj ŝajnigis, ke li respondas al urĝa telefonvoko:

— Mi tre bedaŭras, guberniestro, sed ne eblas. Morgaŭ frumatene mi devos instrui korĥirurgion al nova skipo, posttagmeze mi lecionos ĉe fakultato kaj vespere mi ekflugos al Nov-Jorko por kongreso…

Fine li sin turnis al la vizitanto:

— Kiel mi povas helpi vin?

La vizitanto respondis:

— Permeson, sinjoro, mi venis instali la telefonon.

## Gemaljunulaj rememoroj

Maljuna geparo kuŝas en lito. La edzino, vidante la distancon inter ili, rememoras:

— Kiam ni estis junaj, vi kutimis teni mian

manon dum kuŝado. Kia bela epoko estis tiu…

La edzo hezitas, sed post mallonga momento etendas brakon kaj prenas manon de la edzino.

Tamen ŝi restas malkontenta:

— Kiam ni estis junaj, vi kutimis kuŝi tre proksime de mi. Kia bela epoko estis tiu…

Li pli longe hezitas kaj, grumblante, turnas pene sian korpon kaj alpremiĝas al ŝi kiel eble plej komforte.

Ŝi, ankoraŭ nekontenta, diras:

— Kiam ni estis junaj, vi kutimis mordi mian orelon. Kia bela espoko estis tiu…

Li eligas longan suspiron, flankenĵetas la kovrilon kaj ellitiĝas, celante la banejon.

Ŝi, ofendita, ekkrias:

— Kien vi iras??

— Trovi mian dentprotezon, aĉa maljunulino!!

## Freneza kuracisto

Ebriulo, alveninte hejme, decidas trinki glason da akvo. Tamen, pro sia ebrieco li ne rimarkas, ke en la glaso estas vivanta museto, kaj pro sia hasto li pretervole englutas la muson. Rimarkinte, kio okazis, li nervoziĝas, elkuras kaj eniras la unuan hospitalon, kiun li trovas. Sed vere frenezulejon li eniris, kaj la unua kuracisto, kiun li trovas, estas ne kuracisto, sed frenezulo blanke vestita.

Tiam la ebriulo, ankoraŭ timeganta, klarigas la okazaĵon al la "kuracisto". Tiu ĉi prenas paperpecon, notas la preskribon kaj transdonas ĝin al la ebriulo, kiu iras rekte al apoteko, por ke oni preparu la kuracilon preskribitan.

La apotekisto, leginte la preskribon, demandas, kio estas la problemo. Post la klarigo de la ebriulo, la apotekisto ekridas kaj diras:

— Jes, tio plensencas.

La frenezulo skribis:

"Englutu katon ĉiun duan horon kaj sidu en muskaptilo."

## Ĉu gravas scipovi fremdan lingvon?

Du Brazilanoj promenas aŭtomobile tra la stratoj de Berlino, kiam perdiĝinta Germano haltigas sian aŭtomobilon apud ili kaj demandas:

— Entschuldigung, können sie Deutsch sprechen?

La du Brazilanoj silentas.

— Excusez-moi, parlez vous français? — li provis.

Ambaŭ plu rigardas lin, sentime kaj serene.

— Prego, signore, parlate italiano?

Nenion diras la Brazilanoj.

— ¿Hablan ustedes español?

Neniu respondo.

— Please, do you speak English?

Nenio!!

Frustrite pro la manko de respondoj, la viro kluĉas kaj forveturas.

Tiam unu el ili sin turnas al sia amiko kaj diras:

— Mi opinias, ke ni devus lerni fremdan lingvon…

— Kial, amiko? — rebatas la alia. Tiu idioto scipovas kvin lingvojn, ĉu ĝi iel helpis lin???

## Perdita ŝlosilo

Ebriulo ŝanceliĝe enpaŝas parkumejon kaj pikas la pordojn de ĉiuj aŭtomobiloj per ŝlosilo. Venas policisto, kiu demandas lin:

— Kio estas la problemo, mia amiko?

La alia respondas:

— Mi perdis mian aŭtomobilon...

— La policisto diras:

— Kie vi vidis la aŭtomobilon lastfoje?

— Ĝuste ĉi tie, ĉe la pinto de ĉi tiu ŝlosilo — diras la drinkulo.

## Blanka hararo

Unu tagon knabino sidante observadas sian patrinon lavi telerojn en la kuirejo. Subite, ŝi rimarkas, ke la patrino havas plurajn blankajn harojn en sia malhela hararo.

Ŝi rigardas al sia patrino kaj demandas:

— Kial vi havas tiom da blankaj haroj, panjo??

La patrino respondas:

— Nu, ĉiun fojon, kiam vi miskondutas kaj plorigas aŭ malĝojigas min, unu plia haro blankiĝas.

La knabino iom pensadis kaj post nelonge diris:

— Patrinoooo, kion vi faris al avinjo por blankigi ŝian tutan hararon????

## Fuĝema olivo

Virino kelkhore klopodas trapiki olivon per dentpikilo kaj glitigas ĝin tien kaj reen sur la telero. La kelnero decidas helpi ŝin.

— Sinjorino, ĉu vi permesas, ke mi provu kapti ĉi tiun olivon?

— Vane vi provos… — diras la elĉerpita virino. — vi ne sukcesos!

La kelnero prenas alian pikilon kaj jen! li trapikas ĝin je la unua provo.

— Ha, maljuste! — ŝi grumblas. — La olivo jam estis laca!

# Kriptogramo

## José Saraiva Matos

Sube kaj dekstre, troviĝas kvadratetoj, kelkaj kun numeroj ene de ili. Aliflanke, sube kaj maldekstre, videblas 27 difinoj. Al numeroj egalaj respondas literoj ankaŭ egalaj. (Se vi deziras plian helpon, konsultu la tabelon en la sekva paĝo.) Post la ĝusta solvo de tiuj difinoj, ene de la reliefigitaj kvadratetoj aperos literoj, pere de kiuj oni povas formi la titolon de grava Esperanto-renkontiĝo, okazinta en Nov-Zelando en Januaro 2014. Se vi deziras, konsultu la tabelon de numeroj kaj literoj sur la sekva paĝo. La aŭtoro, 95-jara Brazila esperantisto, deziras plenan sukceson al la enigm-amantoj.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Homo, tribo, popolo loĝanta apude. | 17 | 8 | | 11 | 8 | 16 | 9 | 7 |
| 2 | Registri en katalogon. | | 8 | 4 | | 15 | 9 | 6 | 20 |
| 3 | Senti tre fortan koleron. | 5 | | 15 | 18 | | 18 | 6 | 20 |
| 4 | Tipografia maŝino por kompostado. | 15 | 20 | | 9 | 4 | 20 | 2 | 9 |
| 5 | Metafora parolo, en kiu la propra… | 8 | 15 | 18 | | 9 | 16 | 20 | 9 |
| 6 | Konfederacio de sindikatoj. | 14 | 18 | 17 | 4 | | 8 | 15 | 9 |
| 7 | Diranta nur kion decas diri. | | 20 | 12 | 5 | 16 | | 4 | 8 |
| 8 | Infekta malsano, kaŭzanta… | 4 | | 4 | 8 | 17 | 9 | | 9 |
| 9 | Ŝparema ordo en mastrumado. | 18 | 5 | 9 | | 9 | 1 | 20 | |
| 10 | Parola aŭ skriba defendo kaj pravigo. | 8 | 2 | 9 | 15 | | 6 | 20 | 9 |
| 11 | 1. Besto. 2. Poseda pronomo. | | 18 | 11 | 16 | 9 | | 20 | 8 |
| 12 | Scienco pri heredeco en vivuloj. | 6 | | 17 | 18 | 4 | 20 | 5 | 9 |
| 13 | El la hebrea lingvo. | 10 | 8 | | 18 | 15 | 19 | 7 | 8 |
| 14 | Glatigi tolaĵon, ŝtofo aŭ paperon. | 5 | 8 | 15 | | 17 | 3 | 16 | 20 |
| 15 | Mineralo el fer-titania oksido. | 20 | 15 | 1 | 18 | | 20 | 4 | 9 |
| 16 | Subite, neatendite tondri. | | 5 | 4 | 9 | 17 | | 16 | 20 |
| 17 | Verbo aspergi en estanta tempo. | 8 | | 2 | 18 | 16 | 6 | | 12 |
| 18 | Transurania elemento. | 17 | 18 | | 4 | 19 | 17 | 20 | 9 |
| 19 | Ceda (geno aŭ karaktero). | | 18 | 14 | | 12 | 20 | 21 | 8 |
| 20 | Transformi metalblokon en ladon. | 15 | | 1 | 20 | 17 | 8 | 4 | 20 |
| 21 | Siberia rivero. | 7 | 18 | | 20 | 12 | 18 | 7 | 9 |
| 22 | Senpetaluloj. | | 2 | 18 | | 8 | 15 | 9 | 7 |
| 23 | Helpaj kunsidantoj de juĝisto. | 8 | | 18 | 12 | | 16 | 9 | 7 |
| 24 | Unua provo de kristana teologio. | 6 | 17 | | 12 | 4 | 20 | 5 | 9 |
| 25 | Kiel la unua, proponi aŭ fari. | 20 | 17 | 20 | | 20 | 8 | 4 | 20 |
| 26 | Anoj de katolika ordeno. | 7 | 18 | 13 | 19 | | 4 | 9 | 7 |
| 27 | Protono aŭ neŭtrono. | 17 | 19 | 5 | 15 | 18 | | 17 | 9 |

## Kriptogramo: tabelo de numeroj kaj literoj

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| M | P | D | T | K | G | J | A | O | H | B | S | Z | C | L | R | N | E | U | I | V |

## Kriptogramo: solvo

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | N | A | J | B | A | R | O | J |
| 2 | K | A | T | A | L | O | G | I |
| 3 | K | O | L | E | R | E | G | I |
| 4 | L | I | N | O | T | I | P | O |
| 5 | A | L | E | G | O | R | I | O |
| 6 | C | E | N | T | R | A | L | O |
| 7 | D | I | S | K | R | E | T | A |
| 8 | T | E | T | A | N | O | S | O |
| 9 | E | K | O | N | O | M | I | O |
| 10 | A | P | O | L | O | G | I | O |
| 11 | Z | E | B | R | O | V | I | A |
| 12 | G | E | N | E | T | I | K | O |
| 13 | H | A | L | E | L | U | J | A |
| 14 | K | A | L | A | N | D | R | I |
| 15 | I | L | M | E | N | I | T | O |
| 16 | E | K | T | O | N | D | R | I |
| 17 | A | S | P | E | R | G | A | S |
| 18 | N | E | P | T | U | N | I | O |
| 19 | R | E | C | E | S | I | V | A |
| 20 | L | A | M | I | N | A | T | I |
| 21 | J | E | N | I | S | E | J | O |
| 22 | A | P | E | T | A | L | O | J |
| 23 | A | S | E | S | O | R | O | J |
| 24 | G | N | O | S | T | I | K | O |
| 25 | I | N | I | C | I | A | T | I |
| 26 | J | E | Z | U | I | T | O | J |
| 27 | N | U | K | L | E | O | N | O |

**Remetente:**
**Liga Brasileira de Esperanto**
**SDS, Ed. Venâncio III - sala 303**
**70393-902 Brasília-DF**

AERJ

ORA JUBILEA KONGRESO

50

Ĉu ni sukcesis?

# 50-a Brazila Kongreso de Esperanto

## 23–27 Januaro, 2015 – Rio